# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde der DDR im Deutschen Kulturbund**

4. Jahrgang Nr. 22/23 Juni 1968 50 Pfennig


## VII. BUNDESKONGRESS DES DEUTSCHEN KULTURBUNDES - WEGWEISER FÜR UNSERE WEITERE ARBEIT!



Blick in das Präsidium, während Professor Max Burghardt den VII. Bundeskongreß eröffnet.

Vordere Reihe, links vom Rednerpult: Professor Albert Norden, Dr. Alexander Abusch, Klaus Gysi, Lilly Becher, Dr. Arno Hochmuth; rechts vom Rednerpult: Professor Dr. Johannes Dieckmann, Professor Dr. Dr. Max Steenbeck, Professor Hans Rodenberg, Professor Dr. Dr. Erich Correns, Professor Dr. Ernst Joachim Giessmann. Mittlere Reihe, von links: Alex Ständel, Werkleiter Horst Rehtanz, Professor Dr. Hans Pischner, Marga Legal, Professor Karl Kayser, Professor Alfred Kurella, Professor Dr. Günther Rienäcker, Bernd Lohaus, Dr. Fritz-Georg Voigt, Ursula Neumann, Wolfgang Hahn, Dr. Georg Münzer. Obere Reihe, von links: Professor Dr. Heinrich Gemkow, Professor Dr. Eduard Steiger, Professor Gertrud Sasse, Professor Max Burghardt, Karl-Heinz Schulmeister, Professor Dr. Rudolf Schick, Professor Dr. Gerhard Meyer, Bernt von Kügelgen. Foto: Zentralbild

# VII. Bundeskongreß des Deutschen Kulturbundes - Zentrum im geistigen Ringen

Der VII. Bundeskongreß vom 7. – 9. April 1968 in Berlin war ohne Zweifel ein Höhepunkt im kulturpolitischen Schaffen unserer Organisation. 680 Delegierte aus allen Bezirken unserer Republik schätzten kritisch das Geleistete ein, berieten über die großen Aufgaben des Deutschen Kulturbundes im entwickelten gesellschaftlichen System des Sozialismus, die auf dem Weg zur sozialistischen deutschen Kultur des Volkes in den kommenden Jahren zu lösen sind. Nach eingehender Beratung stimmten die Delegierten den neuen Grundaufgaben des DKB als Programm der klaren Orientierung zur weiteren Arbeit zu. Dr. Alexander Abusch, Stellvertreter des Vorsitzenden des Ministerrates, faßte die neuen Grundaufgaben in drei Aspekte zusammen: Erstens sollten „alle Mitglieder unseres Kulturbundes zu einem großen Kollektiv von Spezialisten im Vorausschauen werden, um die Funktion unserer Organisation als ideologischen Schrittmacher für die sozialistische Kultur und Lebensweise zu verwirklichen." Zweitens sollte der Deutsche Kulturbund „durch seine Mitglieder in den Volksvertretungen und Kommissionen noch geplanter und mit mehr eigenen Vorschlägen zur komplexen kulturellen Leitung beitragen". Drittens „der Deutsche Kulturbund wirkt für die nationale Repräsentanz der Kultur unseres deutschen sozialistischen Vaterlandes und zugleich dafür, daß sie als ein Teil der sozialistischen Weltkultur zur Geltung gelangt."

Prof. Max Burghardt, der langjährige Präsident des Deutschen Kulturbundes, sprach über „Die Aufgaben der Künstler bei der Gestaltung des sozialistischen Menschenbildes". Er zeigte in seinem Referat klar auf, welche Kräfte frei werden, wenn Künstler sich in Übereinstimmung mit dem fortschreitenden Leben befinden, sich mit dem Kampf der Arbeiterklasse verbunden fühlen.

Der Kongreß erhielt noch eine besondere Note durch wertvolle Beiträge von Minister Gysi und Prof. Albert Norden. Ihre aktive Teilnahme am Kongreß unterstrich nur die Bedeutung, die unserer Organisation von Staat und Regierung beigemessen wird.

Der Kongreß paßte nicht in einen organisationsinternen Rahmen. Seine Gedanken und Ergebnisse gehen jeden an, denn sie zielen direkt zur Hauptaufgabe unserer Zeit, unserer Gesellschaft, der Herausbildung der sozialistischen Persönlichkeit, der sozialistischen Menschengemeinschaft.
Die Esperantofreunde der DDR im Deutschen Kulturbund sind auch an die Erfüllung der auf dem Kongreß bestätigten Grundaufgaben gebunden. Es ist deshalb notwendig und wichtig, diese Grundaufgaben in den Gruppen und Zirkeln für die praktische Arbeit gründlich auszuwerten.

Die Esperantofreunde waren auf dem Kongreß vertreten durch die Bundesfreunde Blanke, Rostock; Müller, Dresden; Vildebrand, Berlin und Würker, Karl-Marx-Stadt.

# Prof. d-ro Max Steenbeck

El „Kresko kaj efiko de socialisma personeco dum la scienc-teknika revolucio“

(Farita en la VII-a Ligo-Kongreso de la Germana Kulturligo)

„La homo ne estiĝas forta personeco sur bonpavimita senpeniga vivovojo, sed per spertitaj kaj konscience asimilitaj kontraŭdiroj, kun kiuj li devis polemiki. Tio okazas per imanentaj kaj ekvilibrigitaj tensioj, same kiel la rezisteco de ŝtalo baziĝas sur internaj tensioj.

Ĉiam estas simple nur kolekti kontraŭdirojn kaj sublimi absurdaĵojn al speco de spiritmoka mondkoncepto. Tio estas nura cedado.

Troaĵo je ne asimilitaj kontraŭdiroj, je neekvilibrigitaj internaj tensioj kaŭzas fendon, kaj la personeco — same kiel la ŝtalo — iĝas malutila rubo. Kaj inverse: pasia elviviĝo, kiu celas egaligi ĉiujn ĝermantajn tensiojn, neniam kondukas al ekvilibrigita kaj fortikigita personeco, sed al mola senkaraktereco, kiu estas premebla en ĉiun formon. Homoj nur iĝas personecoj per laboro pri si mem. Nur tiel ili akiras stabilecon ankaŭ dum malfacilaj situacioj kaj kapablas esti ekzemplo kaj modelo por sia ĉirkaŭaĵo. Neniu forprenas de la individuo la finfine necesan kaj decidan laboron pri si mem. Kaj ĝuste tio kaŭzas la valoron de personeco. Personeco ĉiam estas individueco. Sed neniu homo estiĝas, neniu personeco kreskas kaj elpruviĝas sendepende de la socio, en kiu li vivas; esti personeco estas tute alia afero ol individualismo.

Kio signifas laboro, el kio ĝi konsistas? Kio instigas la homojn ĝin fari?

La poeto diras, ke karaktero formiĝas en la torento de la tempo. Tio signifas, ke personeco kreskas per la sin-prezento, per la ne-cedo al postuloj, kiujn la vivo de nia reala medio — kies ero ni mem estas — proponas al ni.

Tiu ĉi medio ne estas glate polurita kaj sendifekte funkcianta mekanismo, sed plene da eĝoj, hokoj kaj kontraŭdiroj. Ni ĉiuj konas la deziron prefere cedi al neagrablaĵo aŭ fari aŭ permesi ion, de kio ni scias, ke ĝi estas malĝusta. Sed oportunismo estas la rekta kontraŭo de bonkaraktera sinteno; kriterio de personeco ĉiam estas klara konvinko — kaj la ago laŭ tiu konvinko . . . “

Trad.: Hans Eichhorn

---

Max Steenbeck:

Ekzameni kaj kompletigi scion kaj povon dum komuna agado — jen la kvintesenco de nia vera socia vivo.

Speciala dokumento
sendita de VPEA, Hanojo

**Dua speciala komunikajo**
**de la Kommandantaro de la Popolaj Armitaj Fortoj**
**por Liberigo de Sud-Vjetnamio**

De post la nokto de la 29a ĝis la mateno de la 30a de januaro 1968, kun la firma decido ne rezignacie vivi en sklaveco sub la kruela kaj sovaĝa superregado de la usonaj agresantoj kaj de la Thieu-Ky-kliko kaj responde al la sankta Alvoko de la Prezidantaro de la Centra Komitato de Nacia Fronto de Ligerigo de Sud-Vjetnamio, ĉiuj popolaj armitaj fortoj de Liberigo flanke ĉe flanke kun la loĝantaro de Sud-Vjetnamio kaj aliaj patriotaj armitaj fortoj unuanime sin ĵetis antaŭen kaj lanĉis sinsekvajn atakojn kontraŭ la malamiko sur ĉiuj militkampoj. Samtempe leviĝis la loĝantaro de urbaj centroj kaj kampaj regionoj, provizore kontrolitaj de la malamikoj. Kun bolanta revolucia fervoro la 14 milionoj da sudvjetnamoj, ondon post ondo impetis, submergis la malamikojn kaj plenumis glorajn militheroaĵojn neniam antaŭe okazintajn dum la lukto kontraŭ la usona agreso por la nacia savo, tiel puŝante la sudvjetnaman revolucion al pli alta grado.

Ĉie, en montaraj kaj kampaj regionoj same kiel en urbaj centroj, niaj armitaj fortoj kaj nia loĝantaro lanĉis sinsekvajn atakojn kaj leviĝis kontraŭ la malamikoj, donante mortigajn batojn al iliaj plej gravaj punktoj:

- Atakoj kaj leviĝoj kontraŭ la malamikoj en ses grandaj urboj de Sud-Vjetnamio: Sajgono. Hue, Danang, Nhatrang, Qui-Nhon, Da Lat.
- Atakoj kaj leviĝoj kontraŭ la malamikoj en preskaŭ ĉiuj urboj kaj provincaj ĉeflokoj de Sud-Vjetnamio kalkulate ĝis la 4a de februaro 1968, 37 (tridek-sep) urboj kaj provincaj ĉeflokoj jam leviĝis kontraŭ la malamikoj.
- Atakoj kaj leviĝoj kontraŭ la malamikoj en ĉiuj de ili provizore kontrolitaj kampaj regionoj.
- Atakoj kontraŭ serio da plej ĉefaj organoj usonaj kaj marionetaj, situantaj ĝuste meze de la urboj kaj la usona ambasado, rifuĝejo de la usonaj agresantoj, la palaco de l'Sendependeco, rifuĝejo de la Thieu-Ky-kliko, la usona interarmea ĉefstabo, la marioneta mararmea stabo, la arier-bazo de la brigado de marioneta marinfanterianoj, la usona marinfanteria stabo, la ĝenerala direkcio de la marioneta polico, ktp....

En la revolucia ŝtormo tre rapide disvolviĝas la politikaj kaj armitaj fortoj de la popolo. Milionoj da personoj, sendepende de iliaj aĝo, sekso, religia konfesio, nacieco, jam solidare leviĝis. Laboristoj, kamparanoj kaj laborantaj amasoj ludis aparte aktivan rolon en la ĝenerala popolleviĝo. Rimarkinduloj, intelektuloj, junuloj, studentoj, lernantoj, virinoj, komercistoj, industriistoj kaj aliaj popoltavoloj ankaŭ kontribuis al la lukto por la landa liberiĝo. La Alianco de Naciaj kaj Pacaj Fortoj de Saigono, la Fronto de Nacia Alianco de Demokratio kaj Paco en Hue, same kiel aliaj revoluciaj organizaĵoj naskiĝis kaj asignas al si glorajn taskojn antaŭ la nacio. La popolaj armitaj fortoj de Liberigo, devenantaj de heroa popolo, jam elokvente mon-



tras siajn tradiciojn de firma decido batali kaj venki. Pluraj memdefendaj armitaj taĉmentoj, milicunuoj kaj gerilgrupoj, pupaj trupunuoj aliĝintaj al la revolucio kaj multaj patriotaj armitaj organizaĵoj aperis kaj forprenante la armilojn de la malamikoj, luktas flanke ĉe flanke kun la loĝantaro por ekstermi ilin kaj savi la patrujon.

La venkoj, akiritaj tiujn lastajn tagojn de la armitaj fortoj kaj loĝantaro de Sud-Vjetnamio estas tre grandaj venkoj en ĉiuj kampoj, kun ekstreme grava signifo.

Tiuj venkoj pruvas, ke niaj armitaj fortoj kaj nia loĝantaro estas nevenkeblaj. Tio estas la forto de arda patriotismo, de profunda malamo kontraŭ la malamiko, la forto de leviĝo de heroa popolo, kiu havas miljaran historion de tre glora lukto kontraŭ la fremda agreso kaj, kiu jam venkas multajn kruelegajn malamikojn.

Tio estas la forto de la bloko de nacia unuiĝo sub la glora standardo de la NFL kaj de aliaj patriotaj organizaĵoj, milionoj da personoj unuanime kaj firmdecide batalas spite ĉian foroferon por renversi la komunan malamikon de la nacio por la patruja savo.

Tio estas la tuta potenco de la popola milito, de la armitaj kaj politikaj fortoj, kiuj kun ekstreme variaj kaj kreivaj metodoj de batalo kaj lukto tre lerte, tre forte frapas la malamikojn en ĉiuj lokoj kaj jam gajnas tre grandajn venkojn.

Tiuj venkoj ankoraŭ pruvas, ke nia pozicio, jam firma, fariĝas multe pli firma, ke nia forto, jam potenca, fariĝas multe pli potenca. Tirante profiton el sia iniciativo en la bataloj, niaj armitaj fortoj kaj nia loĝantaro, ĉiam antaŭenmarŝantaj, seninterrompe frapas kaj gajnas ĉiam pli grandajn sukcesojn por fine veni al la plena venko.

Ju pli ni batalas, des pli kreskas nia jam potenca forto en organiza same kiel en morala kampo. Ni estas kapablaj venki la malamikojn en ĉia ajn cirkonstanco.

Tiuj grandaj sukcesoj estas ankoraŭ la rezulto de frataj rilatoj inter Nordo kaj Sudo, de intima ligiteco inter la granda ariero kaj la granda fronto; ĉio ĉi estas nun transformiĝanta en ekstreme grandajn moralajn kaj materiajn fortojn, kiuj permesas al ni venki la malamikojn. Tiuj sukcesoj estas ankaŭ ne disigitaj de la malavara subteno de niaj fratoj kaj amikoj el la mondo, kiuj jam multe klopodas por nin helpi kaj nin kuraĝigi.

Tiuj grandaj sukcesoj de la armitaj fortoj kaj loĝantaro de Sud-Vjetnamio ankoraŭ pruvas, ke kvankam disponante tre potencan agresarmeon de 1 200 000 homoj kaj aplikante la plej barbarajn, la plej perfidajn procedojn, la usonaj agresantoj restas senpovaj antaŭ la mirinde potenca ofensivo de niaj sudaj armitaj fortoj kaj loĝantaro. La malvenko de la usonaj agresantoj estas jam evidenta. Eĉ se ili obstine kaj freneze rezistas, eĉ se ili kreskigas siajn trupojn kaj militrimedojn ili neniel povos savi sin de sia danĝera kaj mizera situacio; ili nepre kaj totale malvenkos ...

VJETNAMA PACDEFENDA
ESPERANTISTA ASOCIO
68, Ly Thuong Kiet, Hanojo –
Vjetnamio

---

**GEOLOGOJ PROPONAS OFICIALIGI ESPERANTON**

(IGS/667) Praha. – La Geologia Sekcio de la internacia organizaĵo de Esperanto-parolantaj sciencistoj (ISAE) prezentis al la Organiza Komitato de la 23-a Internacia Geologia Kongreso, okazonta en Praha dum dek tagoj de aŭgusto 1968, proponon pri akcepto de la Internacia Lingvo Esperanto kiel unu el la oficialaj lingvoj de la Kongreso. La proponon apogas la subskriboj de pli ol mil geologoj el diversaj landoj.

Laŭ la Statuto de la Internacia Geologia Kongreso, la oficialaj lingvoj estas ĝis nun la angla, rusa, franca, germana, hispana kaj itala. La kostoj de tradukado kaj interpretado en la lasta I. G. K. superis 10%-ojn de la kongresa buĝeto. (Tradukado kaj interpretado kostis, inkluzive la necesajn instalaĵojn, pli ol 100 000 danaj kronoj, t. e. 50 000 guldenoj, 5000 sterlingoj aŭ c. 14 000 dolaroj.) La proponintoj esperas ebligi per Esperanto gravan redukton de tiaj elspezoj.

UEA-Informservo

---

Albert Norden:

La socialismo ne bezonas alianciĝi kun la libereco, ĉar la libereco estas imanenta al la socialismo kaj cetere nur al ĝi.

Gyula B. Bérczessi

## NENIAM PLU MILITON!

Mi ne estis unu jara,
mi ne iris kaj ne parolis,
kiam, kiel la urugano
kuregis la famo:
Milito!... Milito!... Milito! ...
La ĉielo estis arde ruĝa,
malviglaj kanonoj rultondradis,
maŝinpafiloj klakadis,
sangaj glavoj krakis,
kaj fluis la sango,
maro da sango,
grandapreza sango,
homa sango,
kaj la „heroa" medalon ricevis,
rekompenson pro la hommortigo.

Mi ne komprenis, ke ĉio ĉi
kial estas aŭ kial devas esti,
kaj ŝi,
mi rigardis demande mian patrinon,
mute brakis min, al sia koro.

Pasis la tempo, pasis la jaroj,
mi estis jam plenkreskulo,
kiam ni vidis,
ke mia patrino ploras,
kaj denove kuregis la famo:

Milito!... Milito!... Milito! ...
Venis cent kaj cent maŝinbirdoj.
kaj eksplodis la bomboj,
kaj kliniĝis la domoj,
kaj rigidiĝis la koroj,
kaj super la ruinoj,
venke,
kaj ironie ridaĉis la morto.

Mi mezuris ĉiun faktoron,
sed mi ne komprenas,
kaj mi ne komprenas,
kial malbona,
kial satana,
kial aĉa la homo,
krono de la kreado?..
kial ruinigas tion
kion li konstruis,
dorlotis kaj beligis
depost jarcentoj?..

Mi svingas la pacflagon,
mi gratas la pacritmon
kaj dezirojn de la cent-milionuloj
mi transdonas ĉi tie:
NENIAM PLU MILITON!...

Gyula B. Bérczessi

## FLUGU PACBIRDO

Flugu pacbirdo, blanka kolombo,
portu deziron de l' ĉiu homo:
Pacon, verpacon!
Krias proteste centmil da tombo,
kaj la detru' de monstra atomo:
Pacon, mondpacon!

Murdan armilon homo ne faru,
estu verpaco,
en batalordon homo ne staru,
estu mondpaco!

# Ni intervjuis..



Malmulte oni aŭdas pri Esperanto-movado en Arabio.

Dum jardekoj la arabaj popoloj estis ekspluatataj fare de la internacia imperiismo. Nun — post la forigo de la kolonialisma jugo — ili komencas evolui al modernaj, industriigitaj kaj sendependaj ŝtatoj. Nur nun ankaŭ la internacia lingvo Esperanto povas ludi rolon. „der esperantist“ — kiel unua esperantlingva periodaĵo prezentas hodiaŭ al vi intervjuon kun esperantisto el Bagdad (Irako). S-ro Husein Al-Amily jam estas konata al la legantaro de nia gazeto (vidu la pasintajn n-rojn). Okaze de lia vizito al la foiro en Leipzig ni kaptis la okazon demandi lin:

**„d. e.“:** Ni havas la elstaran ĝojon saluti vin en la Germana Demokratia Respubliko. Kio instigis vin al tiu ĉi vojaĝo?

**S-ro Al-Amily:** Mi jam la duan fojon estas en GDR. La unua vizito okazis en 1961. Instigis min la Internacia Teknika Foiro en Leipzig kaj la celo tie bone komerci. Laŭ Platon, la antikva greka filozofo, la komercado estas la kialo de militoj. Sed, se oni komercas kun la celo doni tion, kion oni produktas kaj preni tion, kion oni bezonas — surbaze de libera interkonsento kaj laŭ kondiĉo de la egala reciproka avantaĝo — tiam kondukus la komercado ne plu al militoj sed nur al amikaj kontaktoj kaj paco.

Mi kredas, ke GDR agas en tiu ĉi senco kaj sur internaj kaj eksteraj kampoj. Pro tio ni — en la arabaj landoj — klopodas evoluiigi komercadon kun GDR.

**„d. e.“:** Kiajn impresojn vi havas pri la foiro en Leipzig kaj ĝenerale pri nia ŝtato?

**S-ro Al-Amily:** La impresoj estas diversaj. La unua estas pri la internacieco de la Leipzig-a Foiro. Tie oni trovas la plej modernajn pro-

---

La malavarulo havas kuraĝan koron: la avarulo kuraĝan vizaĝon.

Araba maksimo 7a jarcento

duktaĵojn el multaj landoj de tute diversaj ekonomiaj kaj politikaj sistemoj. La ĝenerala spirito de la foiro estas, ke ni tie renkontiĝas kun niaj varoj por montri al aliaj kion ni povas liveri kaj kion ni povas preni. Jen estas la fundamento por justa komercado inter diverssistemaj ŝtatoj kaj nacioj.

Dua impreso estas, ke ni — la arabaj landoj — ankoraŭ ne povis proponi multe da teknikaĵoj, kaj ke ni dependas de la ekonomiaj kaj teknikaj spertoj de aliaj landoj. Tio ne estas taŭga afero por ni kaj pro tio ni devas nepre akceli la ekonomian kaj ĝenerale la civilizacian evoluon de niaj landoj.

Tria impreso estas, ke via ŝtato atingis tre altgradan evoluon kaj libere povas konkurenci al la kapitalismaj ŝtatoj. Tio cetere ne surprizis min, ĉar mi konas vian socialisman plansistemon, kaj aliflanke jam konas multe da varoj el GDR kaj ties kvaliton. Mi ĝojas, ke GDR ne nur prezentas siajn varojn, sed ankaŭ uzas la eblecon por akceli sian propran ekonomion kaj pro tio multe komercas kun aliaj landoj.

**„d. e.":** S-ro Al-Amiliy, vi ne nur estas komercisto sed ankaŭ esperantisto. Kiel vi lernis la Internacian Lingvon kaj kial vi ĝin lernis?

**Al-Amily:** Ekde 25 jaroj oni rimarkas raportojn pri Esperanto en nia gazetaro de tempo al tempo. La tuta afero ŝajnis al mi tute malklara. „Tio estas iu utopiaĵo" mi pensadis, ĝis kiam mi hazarde iumatene dum aprilo 1966 ekvidis anglalingvan Esperanto-lernilon.

Ĝis nun mi lernis kelkajn lingvojn parte kaj nekomplete. Sed ĉifoje ege plaĉas al mi la koncepto mem de Esperanto, la funkcio kiel interkomprenilo.

**„d. e.":** Nin — kiel esperantanoj — kompreneble interesas la stato de la Esperanto-movado en Arabio. Do, jen la demando: Kia estas la perspektivo kaj la situacio de nia lingvo en viaj landoj?

**A-Amily:** Unuflanke ni nepre bezonas novan lingvon kiel trafiklingvon, ĉar la araba lingvo estas tro nekonata. Aliflanke ni jam solvis la trafiklingvan problemon, ĉar nia araba lingvo funkcias por la 20 arabaj popoloj kiel „Internacia Lingvo" kaj same estas akceptita ekde la pasinta jaro de UN kiel labora lingvo. Tamen, mi ankoraŭfoje akcentas, ni nepre bezonas ligilon lingvan kun la evoluintaj landoj, ĉar la araban tie oni nur malmulte konas. Jen estas la solvo-nia lingvo Esperanto.

Bedaŭrinde ankoraŭ ne ekzistas forta Esperanto-movado en la Araba Mondo, kvankam en Egiptio en la dua kaj tria jardekoj ekzistis tia movado kun miloj da esperantistoj.

Pasintjare aperis la vojaĝlibro „Egipto vojaĝas per Esperanto" de d-ro Nassif Isaac (Kairo). Mi tradukis la libreton „20 bazaj faktoj pri la Palestina problemo" kaj mem verkis dekojn da politikaj kaj literaturaj artikoloj pri la Araba Mondo, kiujn mi kutime cirkuligas inter esperantistoj. Nuntempe mi presigas en Beirut „Arabajn Maksimojn el la Sepa Jarcento". Mi arabigis la ŝlosilon kaj stencile aperigis ĝin por arabaj lernantoj. Ankaŭ mi verkis malgrandan arablingvan kurson, kiun mi disdonas al interesiĝuloj. Pasintmonate ni havis renkonton en Beirut, kie funkcias la „Libana Esperanto-Asocio" kaj faris planon verki komune vortaron Araba-Esperantan. Laŭ tiu plano ĉiu kapabla esperantisto esperantigu po unu literon de la araba alfabeto.

---

Ne tentigu vin la facila supreniro, se la subiro estus ne facila.

Araba maksimo 7a jarcento

Kvankam la disvastiĝo ankoraŭ estas tre malrapida la movado jam trovis fekundan grundon kaj la semoj ĝermas. Laŭ miaj personaj spertoj ĉefe la junularo bone akceptas la ideon pri internacia lingvo. Ŝajnas al mi, ke la kulturaj institucioj de la socialismaj landoj en la arabaj landoj multege povus kontribui al la disvastigo de Esperanto per kursoj k. s. en siaj ejoj. La ideo de la socialismo kaj de la internacia lingvo estas forte asociitaj kaj mi pensas, ke ĝuste pro tio ankaŭ la intereso de nia junularo direktiĝos al Esperanto!

**„d. e.":** Rilate la batalon kontraŭ imperialismo, neokolonialismo kaj ĝenerale kontraŭ agresivaj militoj la arabaj landoj kaj la socialisma Germana Demokratia Respubliko staras en unu komuna fronto. Kion vi opinias pri tio el la vidpunkto de arabo, kaj kion vi pensas pri la sinteno de la du germanaj ŝtatoj dum la Israela agresmilito en 1967?

**Al-Amily:** Ni staras vid-al-vide antaŭ imperiismo kaj neofaŝismo: en Okcident-Germanio kaj en la Israela ŝtato. Tiuj danĝeraj malamikoj militiras kontraŭ ni en diversaj diablaj manieroj. Ekzemple ili daŭre ekspluatas niajn landojn per aĉetado de krudaĵoj je tre malaltaj prezoj. Ili perforte malhelpas la evoluon de niaj popoloj, ĉar ili ne interesiĝas pri altgrada evoluinta ŝtato, kiu eventuale memstare povus utiligi siajn riĉaĵojn. Israelo agis kiel dungita soldato, kiu perforte reprezentas la opinion de sia mastro. Kion ni do bezonas estas ekonomia, kultura kaj materia helpoj.

La ĝenerala starpunkto de la Germana Demokratia Respubliko al niaj naciaj aferoj estas ĝuste tiu, kiun ni bezonas. Dum oni konstante kaj akre perfidas la arabajn popolojn per la politiko de la registaro en Okcidentgermanio, la amikeco inter la socialisma GDR kaj la Araba Mondo pli kaj pli konsolidiĝas kaj prosperas.

Jes, ni staras en unu komuna fronto kaj amike ligitaj kontraŭ-staras la malamikon.

La arabaj popoloj deziras plifirmigi sian amikecon kun la germana popolo. Bedaŭrinde tio hodiaŭ nur eblas al parto de ĝi. Nur kun la socialisma Germana Demokratia Respubliko ni povas kunlabori. En la alia parto de Germanio regas neofaŝismo kaj oficiale oni subtenas la agreson de la Cionisma faŝismo en 1967.

**„d. e.":** Kio estas via plej aktuala deziro por la estonto? Kiaj estas viaj personaj planoj?

**Al-Amily:** Jen estas miaj plej fortaj deziroj: Mi dezirus vidi, ke niaj arabaj popoloj lertiĝas kaj konstruas pacaman progreseman civilizacion kaj ke mi persone povus partopreni en tio kiel araba civitano.

Paco efektiviĝu sur la bazo de la Ĉarto de la Homaj Rajtoj kaj laŭ decidoj de U. N.

Mi forte deziras, ke faŝismo kaj rasismo en ĉiuj formoj estu forigitaj el la homa vivo.

Mi havas la deziron, ke la araba junularo kaj la germana junularo interkonatiĝu bone kaj tiel ekestiĝu fortega fundamento por la estonteco de la rilatoj de niaj popoloj. Mi persone strebas en tio helpi per la disvastigo de Esperanto kaj per mia laboro kiel komercisto. En tio mi trovas profundan kontentiĝon kaj en tio mi eltrovas min mem.

---

La vera riĉaĵo de homo estas la bono, kiun li faras.

Araba maksimo 7a jarcento

# Kamerado Muravkin

Kiam en 1926 reveninte el eksterlando al Berlino mi konatiĝis al juna soveta studento esperantista, kies modesta konduto kaj varma kamaradeco provokis nian profundan simpation.

En la sekvantaj jaroj ni intime kunlaboris kun egala entuziasmo en nia esperantista movado, li, studento de fiziko, mi, laboristo tajloro. Ni mobilizis, intervenis, persistis en la diversaj laboristaj organizoj por ke ili uzadu la internacian lingvon. Ni klopodis multe propagandi, instrui, eldoni literaturon. Li, intelektulo, sciis levi nian laboron sur nivelon pli altan. Sen trudi siajn personajn preferojn lia ĉeesto estis por ni ĉiuj instrua. Neniu havis kontraŭ li la malkonfidon, kiun tiutempe multaj laboristoj sentis kontraŭ la intelektuloj, kaj kiu estis stulte kultivita de la prezidanto de SAT, E. Lanti, kaj liaj adeptoj.

Soveta civitano, li ne povis vojaĝi en landojn, kiuj ne estis agnoskintaj la Sovetan Union. Tamen, lia ĉeesto portis grandan helpon al ni en nia lukto ideologia kontraŭ la anarkistaj kaj kontraŭsovetaj ideoj de Lanty. Kamarado Muravkin en tiu batalo estis simpatia kaj obstina kontraŭulo de Lanty.

En tiu tempo ni iomete kontaktis kun la „burĝa" grupo esperantista, delegante de tempo al tempo unu aŭ du kamaradojn en iliajn kunvenojn. Neniu estis pli kapabla ol la komunisto Muravkin por tiu tasko. Lia ĝentila maniero respektigis lin ĉe la „gesinjoroj". Mi iun tagon ĉeestis, kiam oni gratulis mian amikon, ĉar li estis ricevinta sian diplomon de „doktoro", titolo ege aprezita ĉe la germanoj. Mi miris. Neniam tiu fizikisto estis farinta aludon je tiu okazaĵo. Jen, kia ekzemplo de modesteco!

Siajn multnombrajn artikolojn li signis per diversaj pseŭdonimoj, sed ni rekonis ilin pro ilia preciza kaj luktema stilo.

Tio okazis en la jaroj 1928 ĝis 1932. En januaro de 1933 Hitler perfortakiris la politikan potencon. Muravkin devis forlasi Germanion kiel multaj laboristaj esperantistoj kaŝe luktis kontraŭ la hitlera reĝimo, kaj iuj perdis sian vivon, kompreneble ni devis ignori kontaktojn al niaj samideanoj en eksterlando.

Nun ofte mia memoro iras al mia samideano kaj amiko Herbert Muravkin kaj al lia naskiĝurbo Kremenĉuk.

W. Vildebrand

# Potsdam estiĝis altlerneja urbo

Gastoj de en- kaj eksterlando, kiuj en Potsdam (GDR) vizitas la mondfaman parkon de Sanssouci kaj restadas proksime de la Nova Palaco, renkontos tie tre ofte junulojn.

Estas studentoj de la Pedagogia Altlernejo Potsdam survoje al la aŭditorioj, en la laboratoriojn kaj ĉambrojn por la praktiko, kiuj parte troviĝas en la antaŭaj mastrumkonstruaĵoj, sed plejparte en la nove konstruitaj domoj. En la pejzaĝe kaj arkitekture bela ĉirkaŭaĵo ĉe la limo de la parko evoluis en la lastaj 20 jaroj la plej granda instruistseminario de la Germana Demokratia Respubliko. Tie studas nuntempe ĉirkaŭ 1800 rektaj kaj 4500 nerektaj studentoj. 470 profesoroj, studentoj kaj sciencaj kunlaborantoj, lektoroj, superaj asistantoj kaj asistantoj laboras en 18 institutoj kaj 5 memstaraj sekcioj. 350 laboristoj kaj dungitoj zorgas pri tio, ke la studado, metiinstruado kaj esploro glate funkcias.

En la altlernejo estas instruataj nuntempe en rekta kaj nerekta studadoj instruistoj por la klasoj 5 ĝis 10 kaj 11 ĝis 12 kaj por preskaŭ ĉiuj en la lernejo instruendaj fakoj. La rektstudado daŭras 4 jarojn kaj ampleksas du fakojn, ĉe kio la instruado en unu fako, la ĉeffako, estas speciale akcentita per pli granda nombro da horoj kaj pli intensa studado. Memkompreneble ĉiuj studentoj studas krome la sciencojn nepre bezonatajn por socialista instruado: pedagogiko, psikologio kaj marksismo - leninismo. La kursfinintoj de la Pedagogia Altlernejo Potsdam laboras hodiaŭ en ĉiuj distriktoj kaj en ĉiuj sferoj de la popolklerigado de la Germana Demokratia Respubliko. Depost 1951 ĉirkaŭ 10 000 studentoj faris sian ŝtatekzamon en tiu ĉi grava institucio por edukado de instruistoj.

Potsdam, kiu dum multaj jarcentoj estis la rezidencurbo de la Hohenzollern-princoj, posedis antaŭ 1945



neniun altlernejon. La germanaj kontraŭfaŝistoj planis kaj efektivigis tuj en la unuaj jaroj de la popola regado la fondon de altlernejo. La nocio „Potsdam“ spertis en la lastaj 20 jaroj por la internacia publiko signifan ŝanĝon. La nova enhavo estas determinita demokrate, humanisme kaj socialisme. Al tio grandmezure kontribuis la kunlaborantoj de la socialisma Pedagogia Altlernejo per sia laboro.

Post la jubilea jaro de la Granda Socialisma Oktobrorevolucio ni ankoraŭ ŝatus aparte substreki, ke la fondo kaj evoluo de la Pedagogia Altlernejo Potsdam estas simbola por la helpo, kiun la Sovetunio post 1945 donis al la germana popolo. La preparo por la fondo de la altlernejo estis akcelita antaŭ ĉio de du viroj: d-ro h. c. Rücker, ministro por popolklerigado de la lando Brandenburg kaj prof. h. c. Oreschkow, respondeca oficiro por klerigado de la sovjeta militadministracio en la lando Brandenburg. Ili ricevis en oktobro 1965 sian doktoron pro honoro kiel danko kaj rekono por la atingaĵoj sur la kampo de la lernejaj aferoj kaj de la evoluo de nia altlernejo. Post preskaŭ dujara konsultado la supera ĉefo de la SMAD (Sovjeta Militadministracio por Germanio) ediktis ordonon numero 45, kiu postulis la fondon de altlernejo en Potsdam, la 19-an de marto 1948. La 20-an de oktobro 1948 estis tiam solene malfermita la unua altlernejo en Potsdam. Ĝin sekvis ankoraŭ du pluaj altlernejoj, faklernejoj kaj sciencaj institutoj. En tempo, en kiu la zorgoj pri kontentigo de plej necesaj materiaj vivbezonoj minacis sufoki multajn homojn, estis faritaj en Potsdam la unuaj paŝoj al evoluo kiel altlernejurbo.

La fondon de la altlernejo komplikis en la unuaj postmilitaj jaroj kompreneble nemezureblaj malfacilaĵoj, sed la konstruantoj de la nova Germanio posedis sufiĉan revolucian optimismon kaj energion plane realigi tiun kulturagon.

La pedagogia altlernejo estas juna altlernejo. Sed ĝi jam nun estas konsiderata de multaj loĝantoj de Potsdam kiel „ilia altlernejo“. Ĝi estas parto de la moderna socialisma Potsdam.

Dr. Otto Rückert, Potsdam

Trad.: F. J. Wollenberg

---

# FIDELECO

Jurasj Svirka (belarusa poeto)

La vojo nin disigas tiel ofte,
Kaj mi ne vidas vin dum la monat'.
Kaj ĉiam mi malbone dormas nokte
Kun kapo multepeza de pensad'.

Nun kune ni. Mi prenis viajn
manojn.
Mi enrigardis en okulojn — ĉarm!.
Mi trovas, kara, ke vi restas sama,
Sed nur la manoj havas plu da
varm'.

(Tradukis el belarusa lingvo
Adam PAVLUKOVEC)

## El parolado de nia prezidanto Rudi Graetz, farita antaŭ kursgvidantoj en Berlino:

Nova etapo en nia laboro komenciĝis per la enkonduko de la nova lernolibro, verkita de nia esperanto-amiko, la membro de la Centra Laborrondo Ludwig Schödl.

De la nova lernolibro ni esperas, ke ĝi esence helpos fortigi kaj firmigi nian organizaĵon kaj samtempe helpos plibonigi la lingvoscion de niaj esperanto-amikoj.

Malgraŭ intensa laboro en la distrikto kaj en la subdistrikta laborrondo nia amiko Ludwig Schödl ankoraŭ trovis tempon ellabori Esperanto-lernolibron, kiu aperis en ĉiuj librovendejoj de GDR. Mi deziras uzi la okazon por kore danki al la verkinto por la de li farita modela laboro.

Kun fiero ni povas rerigardi al la ĝis nun de la esperanto-amikoj en la GDR farita laboro en politika kaj kultura kiel ankaŭ en faka rilatoj.

Kvankam en la distriktoj Cottbus kaj Frankfurt/Oder ankoraŭ ne ekzistas laborrondoj, la organizaĵo de la esperanto-amikoj de GDR en la Germana Kulturligo nun havas stabilan fundamenton kun pli ol 2000 membroj en ĉiuj distriktoj de nia respubliko. En la ceteraj 13 distriktoj, kiuj pli aŭ malpli bone efikas en siaj subdistriktoj, ĝis nun ekzistas entute 55 subdistriktaj laborrondoj. Ĝis nun ankoraŭ ne ekzistas superrigardo, kiom da laborrondoj ekzistas en la unuopaj subdistriktoj. La antaŭ ni starantaj taskoj estas grandaj, se ni volas plenumi bone ĉiujn punktojn de niaj gvidlinioj. Sed se ni plenumos ilin korekte, tiam niaj sukcesoj estos grandaj.

Memkompreneble en nia laboro ankoraŭ ekzistas vico de mankoj kaj malfortaj punktoj. Ekzistas ankoraŭ ĉe ni malfortaj eroj en la ĉeno. La plej malforta ero en nia ĉeno laŭ opinio de la Centra Laborrondo en estanteco estas la manko de bonaj kvalifikitaj kursgvidantoj kaj gvidantoj de studrondoj. Tial ni komune devas labori por plej rapide venki tiun ĉi mankon.

De niaj kursgvidantoj dependos, ĉu kaj kiam ni atingos la staton kaj altan nivelon de Esperanto-organizaĵoj en la aliaj socialismaj landoj. Se ni komparas la estantan staton en Bulgario, Polio kaj ankaŭ en Sovetunio, tiam ni ankoraŭ havas grandan taskon antaŭ ni.

Sed mia opinio estas, ke ni tion povas atingi en relative mallonga tempo se ni lerte utiligas ĉiujn eblecojn donitajn al ni en la kadro de la Germana Kulturligo kaj ĉiujn aludojn, kiujn ni publikigis kaj publikigos en nia „der esperantist".

La plej bonajn rezultojn laŭ mia opinio atingos studrondaj gvidantoj, kiuj lingve bone instruas kaj kiuj komprenas en sia instru-laboro interesigi siajn partoprenantojn ankaŭ politike kaj kulture.

Plua malforta ero en la ĉeno, kiun ĉi tie mi nur mallonge povas aludi, estas la enkasigo de niaj kotizoj. Ni devas pli bone organizi ĝin. Ni devas atingi ĉiujn esperantistojn, per aktivaj kasantoj, kiuj samtempe per organizita vendado de nia „der esperantist" kaj alia Esperanto-literaturo instigu al legado, plua studado de la lingvo kaj la aktiva partopreno en klubvesperoj.

Ekzistas multaj esperantistoj, kiuj aplikas la internacian lingvon en la batalo por la paco, sed ankaŭ multaj, kiuj rigardas ĝin kiel ŝatokupo. Komune al ĉiuj certe estas

la deziro, ke iutage Esperanto estu enkondukota kiel internacia lingvo en la praktiko kaŭze de internacia interkonsento inter la registaroj de ŝtatoj kaj ke per tio iutage Esperanto estu la ĝenerala posedaĵo de ĉiuj homoj de la tero. Por ke tiu ĉi deziro fariĝu realeco, ĝi necesigas seriozan science pripensitan laboron. Per la ĝis nun kutimaj propagandaj metodoj ni ne atingos la necesajn sukcesojn.

La gvidantoj de studrondoj estas unu el niaj plej gravaj funkciuloj. La evoluo de nia organizaĵo ankaŭ dependas de ili, kiel en iliaj hejmaj lokoj, kiel en iliaj najbaraj lokoj.

En la kadro de la Kulturligo niaj esperanto-amikoj pli multe kunlaboru ankaŭ kun la fako „Natur- und Heimatfreunde" kaj kun aliaj kulturorganizaĵfakoj.

Ĉiuj el ni scias, ke homoj, kiuj lernis Esperanton, pli facile kaj pli rapide lernas naciajn lingvojn, ol homoj, kiuj nur lernas nacian lingvon. Tiu ĉi sperto estas farita ankaŭ ĉe infanoj en diversaj landoj kaj ankaŭ ĉe ni. Nia instruisto Ernst Diedrich antaŭ mallonga tempo skribis el Warin en Meklenburgo:

> „Es scheint gerade so, als wenn ihnen Esperanto beim Russisch geholfen hätte. Darin haben alle eine glatte eins."

Kaj nun ankoraŭ kelkajn vortojn por scienca argumentado. La scienc-technika revolucio de ni ĉiuj postulas ion tute novan. Ni devas pensi en tute nova maniero.

Ekzemploj: La Malimo - tekniko estas realigita en batalo.

Esplorado de kosmo per radiovalvo? Transistoroj!

Ankaŭ en rilato al la lingvo tia nova pensmaniero estas necesa, se la homaro volas solvi la lingvan problemon.

Hodiaŭ ne plu sufiĉas la instruado kaj la lernado de la rusa, angla kaj franca lingvoj aŭ de tri aŭ kvar aliaj naciaj lingvoj. Per novaj junaj naciaj ŝtatoj ankaŭ aperas novaj naciaj lingvoj kaj multflanke edukita homo ankaŭ devus lerni ilin por rekte komprenigi sin en la landoj, kun kiuj dum lasta tempo evoluis bonaj rilatoj. Al tiuj novaj lingvoj ekzemple nun apartenas Suaheli kaj la araba lingvo. La lasta lingvo estas parolata de 100 milionoj homoj. La angla kaj la franca lingvoj por la araboj estas lingvoj, en kiuj ili pli antaŭe estis alparolitaj de la koloniaj sinjoroj, kiuj malestimis ilian propran araban nacian lingvon kaj eĉ alkriaĉis ilin france aŭ angle. Simile estas la problemo kun Suaheli, kiu nun fariĝis la nacia lingvo por Tansania kaj aliaj afrikaj landoj. Ankaŭ en Hindio perdas la angla lingvo pli kaj pli sian influon.

En la epoko de la scienc-teknika revolucio laŭ mia opinio apartenas al ĉiuflanke edukata personeco ankaŭ la regado kaj la utiligado de la internacia lingvo Esperanto.

Jam post du-ĝis trijara studado Esperanto ebligas tre profundan interŝanĝon de pensoj inter la civitanoj de ĉiuj landoj, kiu alie nur estas ebla al malmultaj homoj post longjara lernado de alia nacia lingvo.

Do ne propagandu altrude!

> „Neniam altrudu esperanton al iu ajn, nur simple demandu lin nacilingve:
>
> „Ĉu vi parolas Esperanton?"

---

Alexander Abusch:
La signifo de la kulturo kreskas tiom, kiom ĝi konscience laboras por pli alta produktiveco de la socio.

# Lehrgang für Zirkelleiter in Oybin

In der Zeit vom 17.–24. 4. 1968 fand im Kurort Oybin ein Lehrgang für Esperanto - Zirkelleiter der südlichen Bezirke der DDR statt. 16 Leiter von Kursen und Arbeitsgruppen aus 10 Bezirken und Kreisstädten hörten und diskutierten Vorträge zu politischen und fachlichen Themen des Esperanto. Der Mitarbeiter des Ministeriums für Auswärtige Angelegenheiten und Spezialist für Internationale Organisationen, Gen. Hucke, sprach über die Rolle und Bedeutung der UNO und UNESCO und zog wichtige Verbindungen zu UEA. Über Formen und Methoden der imperialistischen Globalstrategie und die psychologische Kriegsführung westdeutscher Geheimdienste referierte der Mitarbeiter des Staatssekretariats für Westdeutsche Fragen, Gen. Wenige. Die polnische Lektorin Prof. Maria Krausowa skizzierte die wichtigsten, modernen methodischen und pädagogischen Grundsätze für den Esperanto-Unterricht und veranschaulichte ihre Darlegungen durch zwei Probelektionen. Willy Vildebrand, Stellvertr. Vorsitzender des ZAK, sprach über Fragen der Stilistik des Esperanto und gab wichtige Ratschläge für die Anfertigung guter Übersetzungen.

Detlev Blanke vom BAK Rostock lieferte durch seine Beiträge über die Geschichte der Internationalen Verständigungssysteme, der Arbeiter-Esperanto-Bewegung und zur marxistischen Argumentation für eine internationale Sprache wichtige neue Erkenntnisse, die für eine wissenschaftliche Information über das Esperanto, seine Möglichkeiten und Grenzen unerläßlich sind. Unsere Zeitschrift wird über die genannten Referate noch genauer berichten. In vielen Gesprächen untereinander konnten die Lehrgangsteilnehmer ihre Erfahrungen in der Verwendung des Esperanto im Friedenskampf austauschen.

Es herrschte einmütige Auffassung, daß die Verbreitung des Esperanto nur in Übereinstimmung konkreter gesellschaftlicher Verhältnisse sinnvoll und möglich ist. Exkursionen in die herrliche Umgebung Oybins und gemeinsame kulturelle Veranstaltungen am Abend trugen zur Bildung eines aktiven und vergnüglichen Kollektivs bei.

Alle Teilnehmer äußerten ihre tiefe Befriedigung über die gewählte Thematik und den reibungslosen Ablauf dieses ersten Seminars seiner Art in der DDR und gaben übereinstimmend ihren Dank dem Deutschen Kulturbund gegenüber Ausdruck, der durch seine großzügige Unterstützung diesen Lehrgang ermöglichte. Sie regten an, die bearbeiteten Materialien zu veröffentlichen und für breite Kreise der Esperantofreunde in der DDR nutzbar zu machen. Sie alle fuhren mit dem festen Vorsatz nach Hause, die gewonnenen politischen und fachlichen Erkenntnisse für eine wirkungsvolle, der Gesellschaft nützenden Esperanto-Arbeit anzuwenden.

